# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Simpla jarabono 2.50 sv. fk.

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 2.— sv. fk. minimume 10 abonoj po 1 50 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.20 sv. fk.

La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,25 sv. fk., 5 ekz. de unu numero po 0.20 sv. fk., 10 ekz. po 0.15 sv. fk., 25 ekz. po 0.12 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 3.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0 10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

Adreso:

Heroldo de Esperanto

Horrem bei Köln (Germanujo)

Fako: Verda Stelo.

Redaktoro: Teo Jung.

Kunlaborantoj en la tuta mondo.

**Diverslandajn valutojn ni akceptas je sekvanta kurzo:**

1.00 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo, 0.16 braz. milr., 5 bulg levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12 hisp. peseto, 0.11 pengo, 0.35 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto, nederl. guldeno aŭ sveda krono.

N-ro 11 — Novembro — 1927

# La Tago de la Esperanto-Literaturo.

## Laŭ decido de la Jubilea Kongreso en Danzig ĉiu esperantisto sentu sia morala devo, okaze de la naskiĝa tago de D-ro Zamenhof aĉeti almenaŭ unu Esperanto-libron.

La iniciaton al la Tago de la Esperanto-Literaturo donis nia ŝatata poeto Julio Baghy. Li prezentis la ideon — kiel plej konvenan honoradon por nia altŝatata Majstro — al la Jubilea Kongreso en Danzig, pere de s-ro Paŭlo Balkányi, kaj la Kongreso **unuanime** sankciis ĝin. Ĉiu samideanino kaj ĉiu samideano en la tuta mondo sentu sia morala devo, okaze de tiu ĉi tago aĉeti **almenaŭ unu libron** el la **Esperanto-literaturo.**

Ĉefe en siaj literaturoj radikas la fortoj de la lingvoj. Sed malkuraĝige estas por la verkistoj kiel por la eldonistoj, se la plej bonaj libroj — kio okazas tre ofte, precipe en la sfero de la Esperanto-literaturo — ŝime pereas en la stokoj, anstataŭ servi por sia vera celo: klerigi aŭ distri kaj entuziasmigi al nova intereso, al nova agemo, al novaj klopodoj por tia grandioza kulturideo, kia estas la lingvo internacia.

Se ĉiu organizita samideano (por tute ne paroli pri la ceteraj dekmiloj da esperantistoj) atentus la unuaniman decidon de la Kongreso en Danzig, aĉetante **almenaŭ unu libron** je la Tago de la Esperanto-Literaturo, **je tiu sola tago** estus **vendataj** entute minimume **30 000 Esperanto-libroj.** Kia ondo da nova forto kaj entuziasmo por nia lingvo, kia kuraĝigo por verkistoj kaj eldonistoj, sed precipe ankaŭ kia propaganda efiko ĉe la publiko!

Gesamideanoj, en viajn manojn estas donita la sukceso de l' Tago de la Esperanto-Literaturo! **Almenaŭ unu libron** aĉetu ĉiu, kaj la sukceso estos garantiita! **Almenaŭ unu!**

Por plifaciligi al niaj legantoj la plenumon de la deziro de l' Jubilea Kongreso kaj por ebligi al ĉiu, partopreni en tiu unika honorado al nia Majstro, ni preparis por ĉiuj niaj legantoj specialan »regalon«, kiel ni jam anoncis al la heroldanoj en Heroldo de 28. 10.

### Nia »regalo«.

Ni aranĝis por vi ĉiuj tablon, sur kiu ni elmetis diligente preparitajn manĝaĵojn en formo de bonkvalitaj libroj. Vi bezonas nur pagi etan enirpagon, ĉiu laŭ sia povo, kaj jam vi rajtas sidiĝi apud nia tablo kaj partopreni nian regalon. La prezoj de la »manĝaĵoj« estas tre moderaj kaj multe pli favoraj ol kutime. Rigardu la prospekton aldonitan al la hodiaŭa numero de Verda Stelo, kaj vi konvinkiĝos mem! Tian favoran oferton ni povas proponi al vi **nur unufoje** en la jaro.

Jen tute novan ni prezentas al la esperantista legantaro per nia **»Ilustrita Biblioteko«.** Ĉiu volumeto de tiu ĉi nova »biblioteko« enhavas titolbildon kaj tutpaĝan ilustraĵon, kaj ĉion desegnis nur samideanoj. La favorprezo de ĉiu numero estas por niaj abonantoj nur rmk. 0.35, ĉe mendo de tuta serio eĉ nur po rmk. 0.30. La »Ilustrita Biblioteko« estas dividota je serioj. Ĉiu serio ampleksas kvin numerojn. Ĉiu volumeto enhavas en si mem kompletajn rakontojn aŭ sim., sed ĉiu serio reprezentas en si iun ideon, ekzemple la ideon »Oriento«, »Maro«, »Amo« ktp. La unua serio, ĵus aperinta, reprezentas la ideon **»Oriento«,** kaj ĝiaj unuopaj volumetoj enhavas literaturaĵojn el Javo, Ĥinujo, Hindujo kaj Arabujo.

Ankaŭ la **originala Esperanto-romano** de Teo Jung: **»Landoj de l' Fantazio«** estas **ilustrita.** La **tuta romano** (ĉ. 320 pĝ.) kostas laŭ la favorprezo **nur rmk. 2.40,** duontole bindite rmk. 3.60.

La favorprezon de la romano de Bulthuis: **»Jozef kaj la edzino de Potifar«** ni fiksis, por la broŝurita ekzemplero, eĉ je malpli ol la duono de la ĝisnuna prezo: nur **rmk. 2.40, anstataŭ rmk. 5.—,** por la 388-paĝa verko.

Do, ĉiu povos partopreni nian »regalon«.

### Nia Konkurso.

Samtempe kun nia »regalo« ni aranĝas konkurson. La tasko estas, taksi la ekzemplernombron de la libroj mendotaj el Eŭropo per nia prospekto, aldonita al la hodiaŭa numero de Verda Stelo kaj kun ĝi dissendota tra Eŭropo en ĉ. 6000 ekzempleroj. Oni atentu, ke sur la »Mendilo« de la prospekto la 5-a mendaĵo (Ilustr. Biblioteko, volumetoj 1—5, broŝuritaj, kune menditaj) validas kiel 5 ekzempleroj, ĉar ĉiu volumeto estas aparte broŝurita; sed ke la 6-a mendaĵo (la sama, sub la titolo »Oriento«) validas nur kiel unu ekzemplero, ĉar en ĝi estas binditaj ĉiuj 5 numeroj kune je unu sola volumo.

Tiuj 12 samideanoj, kiuj plej proksimume taksos la ekzemplernombron de la libroj, per la prospekto mendotaj el Eŭropo, ricevos premion:

I-a premio: senpaga abono al Heroldo por 1928 kaj po unu ekzemplero de ĉiuj libroj, kiujn Heroldo eldonos dum 1928.

II-a premio: po unu ekzemplero de ĉiuj libroj, kiujn Heroldo eldonos dum 1928.

III-a ĝis XII-a premioj: po unu bindita ekzemplero de Medách, Tragedio de l' Homo (luksa eldono).

### Niaj poŝtĉekaj kontoj.

Oni povos pagi al ni per la diversaj manieroj indikitaj en nia Tarifo kaj Libro-Katalogo dissendita kun Verda Stelo de oktobro. Sed plej simple estas pagi per poŝtĉeka konto. Jen niaj kontoj en la diversaj landoj:

**Aŭstrio:** Wien D-62.473.
**Belgujo:** Bruxelles 204.404.
**Ĉeĥoslovakio:** Praha 781.93
**Danujo:** København 49.62.
**Germanujo:** Köln 751.02.
**Hungarujo:** Budapest 503.79.
**Italujo:** Milano 3/954.
**Jugoslavio:** Zagreb 408.14.
**Nederlando:** Zeist 130.630.
**Polujo:** Warszawa 191.094.
**Svedujo:** Stockholm 41.80.
**Svislando:** St. Gallen IX/4602.

Ĉiuj kontoj funkcias sub firmo: Heroldo de Esperanto, Horrem, Germanujo.

# Tra la mondo.

SOS — SOS — SOS!

Ŝip' en danĝero! Kaj tuj alrapidas la kolegoj-ŝipoj troviĝantaj proksime por savi, kio ankoraŭ estas savebla.

Estis terura sciigo, kiu informis pri la pereo de oceangiganto »Principessa Mafalda«; sed ĝojiga estis la samtempe alvenanta sciigo, ke dank' al la klopodoj de multaj ŝipoj, alrapidintaj por helpi, la plej granda parto de la pasaĝeroj povis savi sian vivon. Tiu helpagado estas glora folio en la historio de internacia kunlaboro. Germanaj, britaj, franca kaj brazila ŝipoj tuj alkuris post la akcidento, kaj la ĉeesto de tiom da fremdaj ŝipoj multe trankviligis la pasaĝerojn de la iom post iom subakviĝanta itala ŝipo, kiujn antaŭe kaptis paniko.

Kiel okazis la malfeliĉo?

Rompiĝis ŝraŭbego, kaj ĝiaj pecoj trabatis la duoblan plankon de la »Principessa Mafalda«. Akvo enpenetris. Pumpado ne helpis. La kapitano direktigis la ŝipon per plej alta rapideco al la ne malproksima bordo. Komenciĝis vetkurado kun la pereo. Sed ĝi finiĝis malfavore por la ŝipo. Kiam la akvo atingis la maŝinejon, eksplodis la kaldronegoj — la »Principessa Mafalda« rompiĝis je du partoj.

La unua akcidento okazis, kiam la pasaĝeroj ĵus vespermanĝis. Tuj ekestis paniko. Por trankviligi la kvazaŭ-frenezajn homojn, la ŝiporkestro ekludis la italan himnon, oficiroj kaj maristoj miksiĝis inter la pasaĝerojn kaj kuraĝigis ilin. La plimulto de la pasaĝeroj estis elmigrantoj, kiuj esperis, en Sudameriko trovi novan hejmon kaj tiun feliĉon, kiun ili ne sukcesis trovi en sia patrujo; nun jam ĉe la transveturo ili travivis neatenditan aventuron teruran.

— —

En Ĥinujo la situacio fariĝis denove kaosa, eĉ pli kaosa ol antaŭe: nun registaroj ekzistas nuntempe en la lando — tiuj de Pekin, Nankin, Vuhan, Kanton, Seĉvan, Jinan, tiuj de Fenjusjan, de la mongolaj sovetoj kaj de mahometanaj ŝtatoj en nordokcidenta Ĥinujo. Ĉiuj registaroj havas siajn proprajn armeojn kun kelkaj milionoj da viroj, inter ili ĉ. unu miliono da laŭregule armitaj soldatoj. Eĉ la lastatempe venkonta Suda Ĥinujo (Kuomintan-partio) dividiĝis. Generalo Tansenĉi (Hankaŭ) konfederiĝis kun Ĉancolin. Nun oni revokis Ĉjankajĉek, lastatempe vivanta en Japanujo.

Personaj ambicioj kaj malamikecoj, partiaj intrigoj ktp. ĵetis Ĥinujon en sorĉistinan kaldronegon, en kiu bolas kaj siblas kaj tumultas demonaj potencoj. Neniu scias, kia bildo de l' estonteco leviĝos el tiu kuirajo.

— —

Propradire, ankaŭ pri Eŭropo oni palpas en malhelo koncerne ĝian estontecon. En vero, preskaŭ neniu nacio serioze pensas pri malarmado. Antaŭ nelonge multe disvastigita ilustrita revuo publikigis impresan bildon: ĝi montras grandurban straton, kun reloj por elektra tramo, kun larĝaj trotuaroj, kun altaj domoj kaj grandaj magazenoj; sed la tuta strato estas malplena, oni vidas sur ĝi nur la kadavrojn de virino kun infano. Oni asertas, ke kelkdekoj da aeroplanoj kapablos, per jetado de gasbomboj detrui ĉian vivon en tuta grandurbo. Ĉu vere la homaro celas tien? Tio estus samsignifa kun memekstermo. Bedaŭrinda homa gento, kiam vi prudentiĝos?

Ne per si mem la homo estas malbona — tion denove pruvas la admirinda helpagado ĉe la pereo de la »Principessa Mafalda«. Donu al ni tiu helpagado la esperon, ke tamen iam la tuta homaro paciĝos kaj amikiĝos.

Observanto.

# Tra Esperantujo.

### Esperanto kaj Radio.

La Internacia Unio de Radiofonio en sia kunsido de 29. 9. denove voĉdonis por Esperanto kaj rekomendis al siaj membroj (preskaŭ ĉiuj stacioj de Eŭropo kaj granda nombro da ekstereŭropaj) sin turni al la Int. Centra Komitato de la Esp.-movado (en kontakto kun la sekretariejo de Int. Unio de Radiofonio), kiu metis sin al la dispono de la stacioj por indiki al ili la lokajn kunlaborantojn esperantistajn, kaj kiu estas preta ankaŭ publikigi internacian horaron de l' disaŭdigoj en Esperanto por faciligi la sukceson de la entrepreno.

### Gravaj artikoloj en Heroldo.

La lastaj numeroj de la ĉiusemajna „Heroldo de Esperanto" (Horrem b. Köln, Germ.) enhavis kelkajn gravajn artikolojn: tiu de 7. 10. de rektoro Giessmann pri „Animado (personigo) en la lingvo", tiu de 14. 10. ses artikolojn pri „Blankrusio, ĝia popolo kaj kulturo" kaj leterojn el Hungarlando, Portugalujo, Svislando, Suda Ameriko kaj Nova Zelando, tiu de 21. 10. pri „Esperanto-teatro" kaj intervjuon kun Annie Besant, tiu de 28. 10. riĉe ilustritan artikolon pri Norvegujo, tiu de 4. 11. pri „Paneŭropa Locarno".

### La senkompata morto.

Ĝi forrabis de ni du fervorajn samideaninojn: s-inon Moscheles, la edzinon de la mortinta fama angla pentristo Felix Moscheles kaj s-inon Karin Thilander, la blindan edzinon kaj sindonan helpintinon de la same blinda s-ano Harald Thilander, la redaktoro kaj presisto de „Esperanta Ligilo”. La Esperanto-movado perdas en ili fidelajn adeptojn.

### 3000 kursanoj.

Sveda Esp. Federacio eldonis korespondan kurson, kiun mendis pli ol 3000 personoj tra tuta Svedujo. Cetere, en ĉiuj landoj nun rekomenciĝis la varblaboro. Okazis multaj paroladoj, ekfunkciis multnombraj kursoj. Ni esperas, ke la rikolto rezultigos grandan aron da novaj fervoraj amikoj de nia afero, ne nur laŭvorte sed ankaŭ laŭfakte.

### Esperanto en Aŭstrio.

En Aŭstrio Esperanto faras tre bonajn progresojn, precipe ĉe oficialaj rondoj. En Wien kaj Salzburg la esp. policanoj portas sur maldekstra brustflanko ŝildeton kun verda stelo kaj surskribo „Esperanto”. Ankaŭ la ĝendarmerio enkondukis Esperanton, aranĝante kurson en la ĝendarma direkciejo; partoprenas 39 personoj.

## Urboj en flamoj.

Kiam kun la aŭtuno la noktoj fariĝas pli longaj, sopiro je lumo kaj varmo kaptas la germanan popolon. Tial ĝuste en la malluman kaj malvarman sezonon ĝi metis siajn lumfestojn. Sed neniu ŝatas tiujn festojn pli multe ol la vivoĝoja rejnlandano. Lia temperamento ŝatas ĉion luman, radiantan, multekoloran; kaj li ankaŭ ŝatas porti sian ĝojon, sian gajecon en la publikon. La unua tia festo estas la festo de Ĉiuj Sanktuloj je la 1-a de novembro. Tiam la tombejoj radias en la lumo de miloj kaj miloj da kandeloj kaj lampetoj. Dua tia festo estas la festo de S-ta Martino, kiu okazas ĉ. dek tagojn poste. Kaj fine venas la belega Kristnasko kun siaj pinarboj superverŝitaj de la lumo de multaj kandeloj.

Lastatempe pli konata ol iam antaŭe estas la festo de S-ta Martino, al kiu sanktulo estas dediĉitaj multaj preĝejoj apud la Rejno, kiuj staras sur lokoj en pratempoj konataj kiel sanktejoj de l' idoloj. Sankta Martino sur la blanka ĉevalo mem memorigas pri Vodano (Odino), la germana vintrodio. Plej bele oni festas tiun feston en la regiono de Bonn. Sed antaŭ la milito ĝi estis tre malzorgata: la infanoj iris kun siaj lampionoj laŭplaĉe kaj senorde de domo al domo, de magazeno al magazeno por peti donacojn, ĉu bakaĵon ĉu bonbonojn ĉu bildetojn ĉu ion alian. Nun entuziasmuloj por la festo reorganizis ĝin, kaj la lernejaj estraroj forte subtenis iliajn klopodojn, kaj nun je la tago de S-ta Martino vespere la infanoj el ĉiuj lernejoj de la urbo Bonn unuiĝas je grandioza komuna lumprocesio. Jen kion skribis pri tiu festo antaŭ du jaroj la „Kolonja Gazeto”:

Kiu iam partoprenis tian infanfeston, neniam forgesos la impreson. Estis sorĉe bela rigardo, vidi tiujn milojn da infanoj el ĉiu rango, de ĉiu grandeco aŭ malgrandeco, ĉiun kun la lumigita Martin-lampeto en la mano, formiĝi por la procesio sur la herbejo de la Kortega Ĝardeno: la tuta vasta placo estis unusola multekolora flamo. Aldonu la senĉesan plaŭdadon de la infanaj voĉoj, kiuj unue ĉiu por si mem, kaj poste en horoj kantis la kantojn pri S-ta Martino, ĝis fine radibrilanta lumserpento el multekoloraj lampoj kaj ĉiuspecaj torĉoj vindiĝis tra la stratoj de la urbo. En ilia mezo sur fortika blanka ĉevalo — S-ta Martino, akompanata de torĉportantoj kaj infanoj en antikvegermanaj kostumoj. Du grandaj veturiloj, ornamitaj per lampionoj, transportis aron da Martin-anseroj, kiuj estis destinitaj por entuziasmigi la publikon je aĉeto de Martin-lotoj; la profito el la loterio estis destinita por la georfoj kaj malriĉaj infanoj de Bonn. Tio estas la bonfara celo kaj senco de la procesio. La domoj de la urbo kaj antaŭurboj (ĉi-lastaj havis siajn proprajn procesiojn kaj bruligis siajn proprajn Martinfajrojn) estis ankaŭ riĉe ornamitaj per lampionoj. La urbo ardis de malsupre ĝis la plej altaj etaĝoj. Simfonio de lumo kaj koloroj; la placoj kaj stratoj similis al bolantaj kaldronoj plenaj de optimismo, vivoĝojo, entuziasmo kaj sindono al la lumo, kiu miloble refraktiĝis en la okuloj de l' homoj. En la interna urbo la Martinfajro estis anstataŭata per iluminado de la katedralo. Por la infanoj la rigardo al la katedralo certe estis sorĉfabelo, precipe la kulmino: tre bonguste aranĝita fajroludo, kiu susuris malsupren de la tegmento de l' katedralo kiel pluvo el oro kaj brilaj steloj.

Eĉ en vilaĝoj oni trovas tiun kutimon. Ekzemple ankaŭ en Horrem, la aperloko de Heroldo kaj Verda Stelo, oni ĉiujare aranĝas S-ta Martino-procesion, kiun partoprenas ĉiuj lernejaj infanoj kaj multaj plenkreskuloj kun lampionoj, elkavigitaj tuberoj, torĉoj kaj ĉiuspecaj lumigitaj paperaj artaĵoj: preĝejoj, aeroplanoj ktp. Kaj ankaŭ oni bruligas antaŭe kolektitan ligno-amason, plej ofte sur monteto, kaj oni forpafas raketojn kaj alian piroteknikaĵon. Kompreneble, ke ankaŭ muzik-orkestroj ne mankas ĉe tiaj procesioj.

## Martelaj turoj.

Rimarko. — Ofte miaj fremdaj korespondumoj petas de mi kelkajn detalojn pri la Martelaj kaj Rondaj turoj, kiujn oni trovas en Irlando, kaj, ĉar la temo povas interesi multajn personojn, mi skribis la sekvantan artikolon pri la Martelaj turoj.

F. R. A. McC.

Martelaj turoj, kiujn oni trovas multnombre laŭlonge de la marbordoj de Anglujo kaj Irlando, estas konstruitaj en Irlando de la militaj aŭtoritatuloj laŭ la Nacia Defendada Akto de 1804.

Ili kostis meze ĉirkaŭ 1800 sterl. funtojn po turo kaj ĝenerale konstruiĝis dum ses monatoj.

Ĝenerale la nombro de viroj, kiuj okupadis turon, estis nur tri, sed kelkloke, kie la turo estis plifortigita de pafilegaro, ĝi enhavis pli grandan nombron.

La nomo „Martello”, oni diras, estas nomaĉo devenanta de „Martella”, kaj komencis de la famo de fortikigita turo en Korsiko, kiun ĝi rivecis pro sia grandega registeco kontraŭ la atako de brita militistaro dum la militoj de la Franca Revolucio.

En 1793, la korsikanoj ribeladis kontraŭ la francoj, kaj la brita registaro pro afero de politiko decidis subteni la ribelantojn. Estis decidite, komenci la operaciojn per la konkero de turo, okupita de la francoj, kaj troviĝanta en strategia loko sur kapo „Martella”, promontoro kiu superregis la solan sendanĝeran ankrejon en la Golfo de San Fiorenzo.

La turo estis armita de unu 24-funta kaj du 18-funtaj pafilegoj, sekve, en septembro brita ŝiparo de tri ŝipoj de la ĉefŝiparo kaj du fregatoj veturis al la helpo de la ribelantoj, kaj la du fregatoj ricevis la ordonon preni la turon.

Post nelonga bombardo, la turo estis forlasata de la malgranda defendantaro kaj okupata de la britoj. Pasis mallonga tempo kaj la francoj reprenis ĝin, kaj, lernante de sia antaŭa sperto, ili sufiĉe plifortigis la defendilojn kaj la armilaron de la turo.

Dum la sekvinta jaro, 1794, la britoj plue provis subteni la ribelantojn de Korsiko.

Je la 7-a de februaro, aro de 1400 soldatoj elŝipiĝis kaj vigle atakis la turon dum la sekvinta tago. Samtempe kun la surtera atakado, du ŝipoj — la „Fortitude” kaj la „Juno” — bombardis ĝin dum du kaj duona horoj sen rezulto kaj tiam forveturis. La „Fortitude” ekbruliĝis, sesdek-du homoj mortis kaj vundiĝis.

La marbordaj baterioj daŭrigis la atakon, sed ilia pafado same malsukcesis, ĝis ili komencis pafi per brulruĝaj kuglegoj. Unu el tiuj ĉi kuglegoj ekbruligis la lignaĵojn, kiuj grandparte kovris la masivan parapedon, kaj post nelonga tempo la defendantaro de 33 viroj kapitulacis.

La kaptintaro estas multege suprizita konstatante, ke la armilaro de la turo estis nur tri rafilegoj — du 18-funtaj kaj unu 6-funta.

Je tiu ĉi tempo tuta Anglujo estis en stato de konstanta timo pri la ebleco de franca invado en la landon, kaj la rimarkinda defendado montrita de la tre malgranda kaj nemultearmita defendantaro de la turo grande impresis la militistarestrojn pri la taŭgeco de tiaj turoj por la marborda defendado.

Sekve, oni konstruis la Martelajn turojn grandnombre laŭlonge de la anglaj marbordoj, precipe sur la suda kaj orienta flankoj, kie oni povis trovi ilin je mallongaj interspacoj.

La konstruado de la turoj kaŭzis en tiu tempo fortan malkonsenton pro la nepravigebla malŝparado.

Preskaŭ ĉiuj turoj estas konstruitaj samtipe, el solida masonaĵo, kun volbaj ĉambroj, por la defendantaro. Sube troviĝis pafmunicia provizejo, kaj supre unu aŭ du aŭ pliaj pafilegoj por pafi trans la parapedon. La enirejo estis ĝenerale per pordo ĉirkaŭ 18 aŭ 20 futojn supre de la tero kaj oni eniris ĝin per ŝtupetaro.

Similaj turoj estis poste konstruataj en Aŭstrio sur la marbordoj de la Adriatiko, kaj tie oni nomas ilin Maksimilianaj turoj.

„Martella” en itala lingvo signifas „mirto”, kiu kreskas abunde sur Kapo Martella, kaj de tio devenas la nomo.

Aliaj personoj diras, ke la nomo devenas de la itala vorto „martello”, kiu signifas martelo, ĉar oni diras, ke la turoj komence enhavis sonorilon, kiun oni frapis per martelo, kiam malamiko alvenis.

Defendaj turoj estis konstruitaj laŭ la marbordo de Italujo ĉirkaŭ la fino de la 18-a jarcento, kaj oni nomis ilin „Torri di Martello”, sed oni ne scias, ĉu la italoj prenis la nomon de la angloj aŭ male.

Estas granda nombro de la supre cititaj turoj apud Dublin, kaj komence estis dekkvin inter Dublin kaj la marborda urbo Bray sude de Dublin (dekdu-mejla distanco), sed ses aŭ sep el ĉi tiuj aŭ estas detruitaj aŭ ruiniĝis submorditaj de la maro.

Sur la insulo de Dalkey oni konstruis turon en somero de la jaro 1804, kaj kiam ĝi estis preta oni uzis ĝin kiel signalan stacion anstataŭ la malnova turo sur la kapo de la monteto de Dalkey.

Norde de Dublin, ni trovas ankaŭ turojn en diversaj lokoj laŭ la marbordo, precipe sur la monteto de Howth kaj sur la insulo apud Howth, kiun oni nomas „La okulo de Irlando”.

Originale verkis F. R. A. McCormick.

### Nia lingvo.

Ĝi estas ankoraŭ malforta infano,  
La lingvo amata, de ni adoptita;  
Ĝin do ne proklamu jam fama titano —  
Ĝin, kiu modeste jus estas naskita.

Kreskanta ĝi estas per propra vivforto,  
Vartate kun amo de ni mem atente;  
Pro tio eĉ kontraŭ bonvola perforto  
Ni gardu la karan orfeton prudente.

Kaj se nin kelkiuj demandos inside:  
Al kio do servas ĉi via bubeto?  
Ni tiam respondu al ili plenfide:

Al vi, profituloj, ni trafe dediĉas  
La verson finalan de tiu soneto:  
Ni ŝatas la vivon; jen tio sufiĉas!

H. Boucon.

### Kiam la floroj velkas . . .

En la kristala vazo la floroj velkis, kaj sur la tapiŝo el verda veluro, elŝirataj, mi ne scias per kia nevidebla blovo, petaloj defalis unu post unu . . .

Strangan kaj dolĉan melankolion, strangan kiel revo, dolĉan kiel kareso, oni sentas vidante la rezignajn florojn velkintajn.

Delikata parfumo flirtas en la ĉambro. Agonia parfumo, kaj kiam la lasta petalo defalas, io mortas. Ĉu la animo ne estas ankaŭ floro, kiu perdas iom post iom siajn petalojn — iluzojn?

Estas la lasta vespero de la somero, kaj la blovo de l' aŭtuno vibras en la aero.

Mi duondormis, mi estis laca. En mia dormo mi rememoris la legendon, aŭditan kie? Kiam? Neniam, eble?

Antaŭ miloj kaj miloj da jaroj, tre malproksime, oni ne scias kie, en la lando de sonĝoj, pri kiu revas poetoj, devojiĝis iam junulo. Kiel li alvenis ĝis tiu ĉi lando? Neniu sciis, kaj li mem ankaŭ ne sciis. Li vidis antaŭ si oran pordon kaj puŝis ĝin. Ĝi malfermiĝis, poste fermiĝis, kaj li troviĝis en la lando de revoj. Tie ĉio estis feliĉeco kaj amo. Printempo kaj juneco estis eternaj, la birdoj kantis tage kaj nokte diecajn kantadojn; ĉiuj knabinoj estis belaj, ili amis kaj estis amataj.

Kiom da tagoj la junulo pasis en la lando de revo? Neniu sciis, sed li ekmalsaniĝis. Vidante lin senmova kaj febra, la viroj sentis teruron kaj elportis lin ĝis la landlimo de la lando de revo. La ora pordo malfermiĝis, poste fermiĝis, kaj la junulo restis sola, kuŝante sur la nuda kaj malvarmega tero . . . .

Iom post iom li rekonsciiĝis. Unue li ne memoris, kio okazis al li; sed kiam li rememoris, li ĵetis sin sur la oran pordon, kriante pro veo, sed li ne povis malfermi ĝin . . .

Tiam li vagis tra la mondo. Li vagadis longtempe, dum monatoj, dum jaroj . . . Kantante poemojn plenajn de nostalgio pri la dieca lando, kaj pri la amo ankoraŭ pli dieca. Oni pensis, ke li estas frenezulo, kaj neniu aŭdis liajn poemojn; de ĉie oni forpelis lin.

Tiam liaj haroj blankiĝis, kaj liaj okuloj pleniĝis de senlumo. Iun tagon li kuŝigis sin sur la teron kaj mortis; sed en la lasta momento ŝajnis al li, ke li vidis la oran pordon de la lando de revo malfermiĝantan antaŭ li.

Tio estis la unua poeto de la mondo.

Tial ĉiuj poetoj, kiuj venis post li, havis la nostalgion je la mirinda lando, kaj je la amo ankoraŭ pli mirinda.

Kiam revenos ni, poetoj de la tuta mondo, en la landon, kiun ni serĉas, sed neniam trovas? Kiam ni vidos malfermiĝantaj antaŭ ni la brakojn de tiu amo, pri kiu ni revas senĉese, sed neniam renkontas ĝin?

Krepuskiĝis . . . La ĉielo estis plena de ombro. En la kristala vazo la floroj velkis, kaj sur la tapiŝo el verda veluro, elŝiratak, mi ne scias per kia nevidebla blovo, la petaloj — iluzioj de la animo — defalis unu post alia . . .

Lucy Dokman.

### El la legendoj de Baltiko.

Proksime de la nuna rusa-estona limo, nur kelkajn centojn da metroj de tie, kie la rapidflua Narova, ĝenata en sia kuro al la mallazura norda maro, post mallonga sed furioza batalo kontraŭ ŝtonegaj kunpremoj muĝegante sin ĵetas de alte kaj formas akvofalon, altiĝas la malnovaj turoj kaj gotikaj tegolkovritaj pintoj de mezepoka urbo Narva.

Kvieta kaj proza estas la vivo de l' nuntempe dormanta, preskaŭ malviva Narva, kaj sole la grizaj, muskokovritaj turoj kaj ĉirkaŭflorataj bastionoj — senvortaj atestantoj de romantika pasinteco — rememorigas pri aliaj, pli malpacaj tempoj, kiam de sur altaj gardoturoj kaj urbaj remparoj la gardestarantaj militistoj streĉe observadis la insidan malamikon, sin kaŝantan post la fortikaj kuregoj de l' transrivera Ivangorod*).

Ne malmulte da sango fluis siatempe ĉirkaŭ Narva, kaj ne unu centon da kadavroj forportis Narova en la malvarman maron — la tuta ĉirkaŭaĵo estis dum kelkaj jarcentoj unu granda batalkampo. Konstruita de danoj en la komenco de la 13-a jarcento, Narva dum pli ol cent jaroj restis sub ilia regado, kaj en 1347 ĝi transiris kun tuta Estonio en la manojn de l' Kavalira Ordeno. Benite de l' eklezio, la novaj almilitintoj — „Kavaliroj de Sankta Virgulino Mario” — estis proklamintaj krucmiliton »contra paganos« (kontraŭ la idolanoj), kaj novaj bataloj ektondris ĉirkaŭ Narva. Al tiu sangverŝa epoko, riĉa je gloraj heroaĵoj kaj malnoblaj kruelaĵoj, rilatas la sekvanta legendo, ligita kun la urba kastelo:

Antaŭ multaj jaroj, kiam super la fiera konstruaĵo de l' malnova kastelo estis ankoraŭ flirtanta la ordena

*) Citadelo, konstruita en 1492 de rusa caro Johano la Terura por defendo de l' apudlimaj rusaj urbetoj kontraŭ invadoj de Livonnia Kavaliraro. (Ivangorod = urbo de Johano.)

# Propagandante ekkaptu la plej taŭgan momenton!

La ekspreso rapidegas tra la toskana pejzaĝo. Super ni la ŝtalblua ĉielo, dekstre la ĉenoj de l' Apeninoj. - Sidas kontraŭvizaĝe de mi mezaĝa sinjoro, kiu estas profundiĝinta en laŭŝajne sciencan libron. Mi ankoraŭ pripensas la lingvajn malfacilaĵojn kaj neagrablaĵojn, kiujn mi spertis en Romo, ĉar mi ne komprenas itale. Jes, mi konas ankoraŭ sufiĉe bone la francan lingvon, kaj tiu ĉi lingvo kaj la itala estas parencaj; sed malgraŭ tio ambaŭ lingvoj estas tiom diferencaj, ke ankaŭ bona kono de unu lingvo tute ne jam ebligas valoran konversacion en la alia. Precipe dolorige mi sentis tiun malbonon en la ĉefurbo de la iama potenca Roma regno, en kiu tuta Suda kaj Okcidenta Eŭropo havis vere unuecan lingvon. Tiurilate ni tute ne havas kaŭzon paroli pri la fama »belega progreso«, male ni devas noti malprogreson.

Tiel konsiderante mi estas interrompata per demando de mia vid-al-vidulo. Mi bedaŭras ne povi respondi kaj diras, ke mi komprenas nur germane, france kaj Esperante. Aŭdante la vorton »Esperanto«, la fremda sinjoro ridetas kvazaŭ pro kompato; sed profitante la saman interkompreniĝilon de l' franca lingvo, ni komencas tre interesan konversacion. Mia kontraŭvizaĝulo estas kontraŭulo de artefarita lingvo kaj tute li obstiniĝas pri la argumento de l' artefariteco.

Mi difinas la esencon de lingvo kaj klare pruvas al li, ke lingvo, kiu taŭgas kiel interkompreniĝilo, ĝuste pro tio estas »lingvo« — sed mia kontraŭulo ne estas konvinkita. Konstatinte, ke miaj filologiaj kaj lingvofilozofiaj abstraktaĵoj rezultigos nenion, mi plievidentigas miajn elmontraĵojn kaj nomas vicon da ekzemploj — sed ĉe mia kontraŭulo ne kreskas la konvinko.

La rapidvagonaro pli kaj pli alproksimiĝas al Firenze, la radoj kantas monotonan kanton — la kanton de nia grandioza tekniko, kies spiriton ĉiu kulturhomo komprenas. Per neintencita ekrigardo mi konstatas, ke la fremda sinjoro legas kultursciencan verkon, kies titolo estas „Les idéaux de l' Orient"; la nomon de la franca verkinto mi forgesis. Verŝajne mia lingva kontraŭulo estas cerbumanto kaj serĉanto en la sfero de la kulturfilozofio kaj de l' religio, kaj eble tie ĉi ni estas amikoj.

Mi ne trompiĝis. Mi meditas pri la senco de nia nuntempa kulturo. La tekniko rapidpaŝe plimalgrandigas la signifon de spaco kaj tempo. Mia avo tre volonte vojaĝis sed neniam transiris la hejmlandan limon; lia nepo jam vizitis sen granda peno dek ekstergermanajn ŝtatojn, kaj evoluiĝas ankoraŭ la altesperiga aviada tekniko. La homoj sendube pliproksimiĝis en la spaco, sed ĉu ankaŭ en la spirita sfero? Mia nova amiko tute neas tiun ĉi gravan demandon. Mi respondas, ke li estas prava kvankam ne tute, kaj ree mi mencias precipe la grandan signifon de Esperanto por la alproksimiĝo kaj interkompreniĝo de la nacioj, kaj ĉifoje mia amiko kontraŭstaras nur malforte. Li konsentas la ideojn de la ĉisupre nomita libro kaj difinas la homon de l' okcidenta kulturo kiel tipon de l' agemo kontraŭe al la homo de l' orienta kulturo kiel esence meditema tipo. Li deziras la egaligon kaj la kunfandiĝon de ambaŭ tipoj. Li amas Rabindranath Tagore kaj esperas, ke la orientaj kaj okcidentaj homoj estonte pli amos unu la alian. Sed kiel ami sen kompreni kaj kiel kompreni sen komuna lingvo?

Mia amiko nun plene ekkonas la malfacilecon de tiuj altaj kulturproblemoj, ĉar li mem ja konfesas: unue kompreni kaj interkompreniĝi kaj tiam ami. Li scias, ke lia alta deziro neniam plenumiĝos sen komuna lingvo inter oriento kaj okcidento, sed aliflanke li ankoraŭ pridubas — kvankam nun ne plu la teorian — sed la praktikan taŭgecon de artefarita mondhelplingvo.

Mi vere ĝojas, ke mi povas liberigi mian estontan samideanon ankaŭ je lia lasta doloriga dubo. Mi montras al li miajn leterojn ricevitajn el Japanujo, precipe tiun, kiun mi ricevis en 1923 de sinjoro Juniĉi Nakagaŭa el Kioto okaze de la terura tertremego. Plenumante la precipan deziron de mia nova amiko, mi tradukas la enhavon de tiu ĉi letero, kiu treege impresas lin. Kaj la sincera ĝojo de nova profunda konvinko brilas en liaj okuloj, kiam mi transdonas al li numeron de la japana gazeto „Oomoto", kiu uzas nian lingvon. Tie ĉi ni okcidentuloj ja senpere el la buŝo de japanoj sciiĝas pri la novaj religiaj ideoj de ilia lando orienta — per kio? Per Esperanto!

La plej evidenta pruvo por la praktika taŭgeco de Esperanto en la interkontinentaj rilatoj, ĉu ne? Mia amiko malkaŝe jesas tion kaj sincere ĝojas pri sia nova spirita posedaĵo.

Post kvaronhoro nia vagonaro alvenas en Firenze — urbo, en kiu jam ekzistas vico da esperantistoj, al kiuj apartenos baldaŭ ankaŭ mia kara kunvojaĝinto.

**W Kockskemper.**



**Ankaŭ en Malproksima Oriento oni propagandas Esperanton per Radio.**

La bildo montras ĥinan samideanon s-ron Ĉen Ĉaŭ Jin, del. de UEA en Shanghai (dekstre), kaj japanan samideanon s-ron K. Ishii antaŭ la mikrofono en la radio-stacio NKS (ondo 300 m).

# Per Esperanto por la Paco.

**Kion fari?**

En artikolo (Verda Stelo n-ro 10) „Per Esperanto por la Paco" demandis s-ro Paul Günzel en Bremen, kion fari por ebligi la pacon inter la nacioj.

La artikolo instigis min publikigi spertojn, kiujn mi havis dum mia nunjara vojaĝo en Anglujo. En London loĝas parencoj de mi (neesperantistoj). Ilin viziti kaj samtempe ekkoni fremdan landon estis longjara deziro de mia tuta familio. Mi ne uzis la vojon montritan de s-ro G. — preparon de la vojaĝo helpe de UEA-delegitoj —, sed se mi ne havus parencojn familiajn, certe mi uzus la helpon de parencoj ideaj, la delegitoj de UEA.

Mi havas ankaŭ korespondanton en London. Li jam pli frue atentigis min pri la vindindaĵoj de sia urbo, sendante al mi interalie grandan planon de Londono, kajeron, enhavantan pli ol cent fotobildojn kaj la plej belajn ilustritajn poŝtkartojn.

Post mia alveno en Londono mi sciigis mian korespondanton s-ron S. H. Counter pri mia intenco interkonatiĝi kun li. Tuj mi ricevis afablan inviton sur poŝtkarto kun skizo, kiu montris la lokon, kie li volis atendi min. Ĝustatempe ni renkontiĝis, kaj li prezentis al mi kelkajn aliajn samideanojn, kiuj ĉiuj montriĝis kiel veraj esperantistoj. Ili ne nur oferis tempon kaj monon por montri al mi Londonon dum tago kaj nokto, ili eĉ invitis nin por kelkaj tagoj esti gastoj en iliaj domoj.

Neforgesebla estas por mia edzino kaj mi la restado en Londono ĉe s-roj Counter kaj Pain, en Luton (pli norda angla urbo) ĉe s-roj Hawkes kaj Gething. La lastaj eĉ preparis kelkhoran aŭtoveturadon tra la duklando Bedfordshire.

Estas ja kompreneble, ke oni per tiaj oftaj renkontiĝoj multe pli amikiĝas ol per longdaŭra korespondado. Pli bone oni lernas kompreni la fremdajn homojn, se oni vizitas sin reciproke. Ekzemple la novaj anglaj amikoj ĝis tiam ne havis okazon paroli kun germanaj esperantistoj. Ili spertis en la daŭro de la konversacioj, ke la germanoj ne estas tiaj homoj, pri kiaj raportis la anglaj gazetoj dummilitaj, kaj la samon mi spertis pri la angloj. La rezultato estis ambaŭflanke kora manpremo kaj la promeso, agi ĉiu en sia rondo por la paco internacia.

Mi ankaŭ vizitis la Londonan Esp. Klubon, la Britan Esp. Asocion kaj ankoraŭ aliajn samideanojn en Londono kaj ĉirkaŭaĵo: ĉie mi estis plej ĝentile, plej afable akceptata.

La fina impreso de miaj diversaj vizitoj estas por mi, ke la angloj serĉis la okazon ekkoni fremdajn samideanojn. — Tion jam pruvis, ke iutage preskaŭ ĉiuj membroj de la Lutona grupo ariĝis por fari parolekzercadon kun la fremdlandanoj.

Resume mi diras: Estas mia deziro, ke kiel eble plej multe da diversnaciaj samideanoj havu la okazon viziti unu la alian, priparoli per la helpa lingvo aferojn privatajn kaj politikajn, kaj tiamaniere malaperu por ĉiam la terura fantomo „Milito".

**Georg Johannes,** Düsseldorf.

# El Scienco kaj Tekniko.

**Centjara jubileo de aluminio.*)**

De inĝ. P. Bellak.

Legendo el la pratempo. Al imperiestro Aŭgustus venis iam viro kaj alportis pecon da metalo. „Ĉi tiu arĝento," li diris, „estas facile akirebla kaj grandegamase produktebla. Ĝi estas pli malpeza ol aliaj metaloj, malmola, rezista kaj brila. Ĝi troviĝas kaŝite en potargilo, el kiu ĝi estas vekebla al vivo. Helpe de ĝi, la roma ŝtattrezoro estas multigebla per novaj, senmezuraj riĉaĵoj." La imperiestro pripensadis. Poste li demandis la eltrovinton, ĉu iu alia homo scias ion pri lia eltrovo. Ĉi tiu nee respondis. Jen la imperiestro lasis lin kapti kaj mortigi, ĉar li timis la tutan senvaloriĝon de l' arĝento, se senvalora argilo estus subite transformita al nobla metalo.

*) El „Der Tag", n-ro 1731.

standardo, vivis en ĝi la kuraĝa kaj brava kavaliro Indrik von Bärenhaupt. Sed kiom ajn granda estis la famo pri lia kuraĝo, ne malpli estis tiu pri la beleco de lia juna edzino. Amike kaj ame vivis la feliĉaj geedzoj kune kun sia dorlotulo, la malgranda filo. Foje, atakinte la urbon, la rusoj sukcesis enpenetri la kastelon. Kiel furioza torento, avidanta sangon kaj akiraĵon, ili plenigis la ĉambraron kaj fine atingis la ĉambron, en kiun estis rifuĝinta la edzino de l' kavaliro kun la infano. Ravita de ŝia beleco, la estro de l' rusoj ordonis al siaj militistoj kapti ŝin viva kaj forporti ŝin en lian tendaron. Apenaŭ la militistoj estis plenumontaj la ordonon, kiam aperis la kavaliro kaj ŝirmis sian edzinon. Longe kaj kuraĝege li batalis kontraŭ la multenombraj malamikoj, sed fine li eksentis, ke la fortoj lin forlasas kaj ĉiumomente la rusoj povos forŝiri de li la plej karan estaĵon en la mondo. Senesperigita, li uzis la lastan rimedon kaj propraglave mortigis la edzinon . . . En la sama momento la haladzo kaj fumo de l' bruligita kastelo plenigis la ĉambron, kaj la rusoj ekrapidis foriri. La senfortigita malfeliĉa kastelposedanto estis elportita el la brulanta konstruaĵo, sed la infano estis malaperinta: la atakintoj lin forkondukis.

Perdinte edzinon kaj filon kaj restinte sola en la mondo, Bärenhaupt donis ĝismortan ĵuron pri senkompata revenĝo al la malamikoj rompintaj lian vivon. Li intencis elfosi sub la rivero subteran irejon al Ivangorod por tiuvoje surprize ataki la malamikojn kaj ekstermi ilin ĝis la lasta homo. Post ceremonio de mezepoka ritaro, benata de pastraro, Bärenhaupt, vestita per funebra vestaro kaj akompanata de du sindonaj servistoj, dum kantado de rekviemo malsupreniris en la subteraĵon. Super la kavo estis pendigita sonorilo, kaj al la gardantaro estis ordonite ĉe ĝia unua sonoro suprentiri la ŝnuron kun alfiksita tabulo, per kiu Bärenhaupt kun siaj kunuloj estis malsuprenigita. Ĉiutage por la propravolaj malliberuloj estis liverataj en la subterejon nutraĵoj kaj trinkaĵoj.

Pasis tridek jaroj. Bärenhaupt, perdinte dum tiu tempo siajn fidelajn servistojn, mortintajn en la subterejo, fine donis la signalon kaj estis suprenlevata. Anstataŭ iama belstatura kavaliro li fariĝis kurbiĝinta, grizhara kaj duonblinda maljunulo, sed li estis ĝoja pro la finita laboro kaj la atingota celo. La tagon antaŭ la decidiga atako li kuraĝis sola iri en Ivangorodon por esplori la direkton de l' atako kaj por forkonduki sian filon, pro kiu li submetiĝis je tiom da suferoj.

Malfrue en la nokto la alivestita Bärenhaupt eniris la rusan urbon kaj post longaj penadoj sukcesis trovi la filon jam plenaĝiĝintan je belkreska viro.

La intervidiĝo kun la filo tamen ne estis ĝojiga por la maljuna kavaliro. La filo rifuzis sekvi la patron kaj sciigis al li, ke li estas edukita laŭ la spirito de la rusa eklezio kaj ardas pro amo je filino de bojaro (nobelo), kun kiu li intencas geedziĝi. Neniaj admonoj de l' patro sukcesis venki la persiston de l' filo: la pasia amo superis la kompaton pri la maljunulo, sin oferinta por la reliberigo de l' amata ido; la kaptiteco forgesigis ĉian rememoron pri la hejmlanda Livonio. Bärenhaupt vangofrapis la apostatulon kaj foriris malĝojigite sed ne senkuraĝigite — la nova sortobato ankoraŭ plifirmigis lian ideon pri la terura, senindulga revenĝo.

Je la fiksita tago forta taĉmento da ĝisdente armitaj Narvanoj, estrataj de Bärenhaupt, malsupreniris kaj ĉe malhela trembrileto de torĉoj eniris unu post la alia la subteran irejon. Ili estis jam en la mezo de l' vojo, kiam subite de la kontraŭa flanko ekaŭdiĝis alproksimiĝanta paŝadbruo, tintado de armiloj kaj multvoĉa parolado. Estis rusoj, trovintaj la siaflankan eniron en la tunelon, kaj la juna Bärenhaupt paŝis la unua. La malamikoj renkontiĝis. Apenaŭ patro kaj filo rekonis sin, kiam ili ekatakis unu la alian furioze, ke la glavoj samtempe trapikis iliajn korpojn. Streĉante siajn lastajn fortojn, preskaŭ konvulsie, ili interplektiĝis en lasta, malameca ĉirkaŭpreno kaj ŝtopis la mallarĝan pasejon. La timigitaj atakantoj ekrapidis for, sed en la sama momento la akvaro trapenetris en la subterejon kaj entombigis ambaŭ taĉmentojn.

Pasis jaroj, sed longe ankoraŭ dum noktoj ventegaj ĉe la enirejoj al la superakvigita subterejo aŭdiĝis teruraj, sangofrostigaj ĝemploroj — estis la animaj vekrioj de la malbenita patromurdinto, senigita de eterna ripozo . . .

Revalano.

## Sercoj.

**Malsana amiko.**

Mia amiko estis malsaneta. Li iris al kuracisto, kiu skribis por li medikamenton. La medikamenton li farigis ĉe apotekisto. Poste li forĵetis la medikamenton.

„Kion vi faras?" mi demandis. „Kial vi forĵetas tion?"

„Nu," li respondis, „mi iris al kuracisto, ĉar la kuracisto ja devas vivi; poste mi farigis la medikamenton ĉe la apotekisto, ĉar ankaŭ la apotekisto devas vivi; sed fine mi forĵetis ĝin, ĉar kompreneble ankaŭ mi devas vivi."

El hungara gazeto.

**Splitoj kaj ŝercoj.**

De J. Ŝ., Ruslando.

Ankaŭ inter homoj iafoje naskiĝas agloj, sed ofte ilin mortpikas monedoj kaj kornikoj.

Malgranda Karlo (kiun la patro ĵus punis): Panjo, via edzo ne plaĉas al mi!

— Kia miopulo fariĝis mia edzo! Hodiaŭ li jam trifoje kisis nian ĉambristinon anstataŭ mi!

Pli ofte malfermu viajn orelojn kaj pli malofte vian buŝon!

Penso, esprimita per vortoj, estas jam malpropraĵo.

Kun tiu ĉi metalurgo el la antikva tempo **perdiĝis la unua scio pri aluminio.** Ĉar ĉi tiuj precizaj raportoj, troviĝantaj en antikvaj historioj, devas esti pli ol nur fabeloj. La „malpeza arĝento" almontras precize al la ecoj de **aluminio.** Ĝia origino el potargilo estas senduba. Ĝi eĉ nin faras enviema. Ĉar la romanoj ankoraŭ ne havis elektrokemiajn fabrikojn, kiuj produktas aluminion en komplikaj fornegoj sub influo de gigantaj elektrofortoj. Tiutempe do devas esti perdiĝinta simpla, praktika produktmetodo, kiun oni iam eventuale ree eltrovos, kaj kiun oni povos uzi por produktado de aluminio el silikatacida argilo, reprezentanta preskaŭ la dekopan parton de nia tergrundo.

Ne konsiderante ĉi tiun praantikvan rakonton, la unua scio pri aluminio okazis antaŭ centjaroj. En la jaro 1827, la germana kemiisto **Wöhler** sukcesis produkti etajn pecetojn da aluminio per redukto de kloramonio per kalio. Kvankam la produkto de rezista arĝentoblanka metalo estis tre interesa por la scienco, tamen daŭris preskaŭ tridek jarojn, antaŭ ol estis trovita metodo al fabrikado de aluminio. Bunsen en 1854 povis fari aluminion per elektrolizo el natrio-aluminioklorido. Preskaŭ samtempe faris **Deville** en sia fabriko en **Javelle** apud Paris aluminion kaj ekspozis kiel sensacian miraklajon en la Paris'a ekspozicio de 1855 grandan stangon nomatan **„arĝento el argilo".** Post tiu tempo ĉesis iom post iom la kemia produktmetodo kaj anstataŭiĝis per la elektroliza. Sed ĉi tiu estis nur problemo de malkara energiakiro. Per utiligo de akvofortoj, la unuan fojon en **Neuhausen,** en Svislando, en turbinaj instaloj estis akirebla malkara elektra fluo, kaj tiamaniere komenciĝis en la jaro 1886 la teknika uzado de aluminio, estinta ĝis tiu tempo pro sia eksterordinare alta prezo nur amatorajo. La prezo rapide malaltiĝis kaj okazis tia prosperado, kian alia industrio apenaŭ estis spertinta. En 1856, kilogramo da aluminio kostis en la fabriko de Deville ĉ. 70 dolarojn. Post dudek jaroj la prezo estis nur ĉ. 20 dolaroj, kaj post pluaj dudek jaroj, en 1896, nur ĉ. duona dolaro! Samgrade altiĝis la produktado de aluminio. **La pojara produktado estas nuntempe pli ol duoncentmil tunoj,** kaj ĝi konstante kreskas.

Por la produktado de aluminio estas bezonataj du mineraloj, la **kriolito** troviĝanta en amasego en Grenlando kaj **baŭksito** troviĝanta amase en Dalmatio, Francujo kaj Hungarujo.

Post kemiaj procedoj oni reduktas la mineralojn en feraj kuvoj kun karbotabulaj internaj kovrajoj, en kiujn oni ŝutas la pulvorigitan mason. Gigantaj elektrodoj el petrolkarbo eniĝas en ĉi tiujn kaldronojn, kaj oni fandas per elektroforto la mason, el kiu la aluminio sedimentiĝas. Gigantaj elektraj fortoj estas bezonataj por liberigi la aluminion de oksigeno. Por unu kilogramo estas bezonata elektra energio de kvardek ĉevalfortoj dum unu horo. Tial aluminia industrio povis nur lokiĝi tie, kie estas malkaraj, potencaj akvofortoj, k. e. en **Svislando, Norvegujo, Nordameriko** sed ankaŭ **Germanujo,** kie ankaŭ oni uzas la energion de malkaraj karborestaĵoj el minejoj.

La uzadkampo de aluminio estas tre granda. Seriozaj esploristoj parolas eĉ pri **komenco de nova epoko, en kiu malpezaj metaloj anstataŭos la feron.**

**Dur-aluminio**),** la aluminiobronzo, jam nun parte eksigis ŝtalon kaj lignon el la aŭtomobila, motora kaj aviadila fabrikado. Aluminiaj dratoj, pli malkaraj, jam komencas funkcii anstataŭ kupro ĉe granddistancaj transigiloj. La produktado de kuiriloj fariĝis mondindustrio. Ne ekzistas teritorio de tekniko, industrio aŭ mastrumado, ne uzanta iel aluminion. Tiel do la arĝentoblanka, rezista metalo, trovita antaŭ cent jaroj la unuan fojon, kiel eta globeto en retorto de kemiisto, okupas ĉiam novajn uzadteritoriojn:

Trad. **D-ro Sós,** Wien.

**) La aŭtoro uzas »dura« anstataŭ »malmola«; cetere tiun vorton oni jam uzas en la muziko kiel malon de »mola«. — Red.

# Diversaĵo.

### Danĝeraj jetaĵoj de la ĉielo.

En multaj, eĉ en la plej multaj okazoj, la homoj ne povas observi la falon de meteoroj. Kelkfoje la homo tamen estas atestanto de tia stranga okazintaĵo en la naturo. Ekzemple en Francujo, laŭ raporto de la gazetaro, la 3-an de aŭgusto nunjara estas observita granda ruĝa pilko, kiu moviĝis per granda rapideco. Subite ĝi ŝajnis halti kaj post kelkaj minutoj disfalis je du partoj, kiuj ŝanĝis la koloron je helverda kaj malrapide estingiĝis.

Ne ĉiam la falo de meteoro estas tiel bela naturspektaklo kiel en tiu ĉi okazo. En decembro 1919 giganta meteoro falis en la Michigan-lagon. Por la okulo ĝi ŝajnis grandega korpo de blanka kaj flavarda koloro. Atinginte la nivelon de la lago, ĝi eksplodis per terura bruego, aŭdebla en ĉirkaŭaĵo de 100 kilometroj.

La 6-an de julio 1913 kvazaŭ pluvo da meteoroj superŝutis vilaĝon proksime de Valencia. Pro la hela brilo de l' meteoroj la suno paliĝis. Dum la ŝtonoj falis sur la tegmentojn de la domoj, surdiga krakado estis aŭdebla. Feliĉe preskaŭ ĉiuj loĝantoj troviĝis en preĝejo je distanco de kelkaj kilometroj. El la restintoj kelkaj perdis la vivon kaj aliaj estis grave bruligataj. Post horo la aero ankoraŭ estis plena de sulfurodoro. Pri simila okazintaĵo, sub kiu la rusa vilaĝo Wysienki proksime de Kiev multe suferis, raportis la gazetaro kelkajn jarojn pli frue.

Ankaŭ en Bellefontaine (Kalifornio) meteoro kaŭzis akcidenton. RuinigInte domon, ĝi eniĝis ok metrojn en la teron. Unu homo perdis la vivon. La meteoro havis diametron de kvar metroj. En oktobro 1922 la meksika vilaĝo Amatitlan estas suferigita de meteoro. La giganta korpo trafis la preĝejan turon kaj tute ruinigis ĝin. Ankaŭ la apudstarantan domon ĝi detruis kaj mortigis homon.

Kelkfoje jam okazis, ke ŝipoj sur maro subakviĝis trafite de meteoro. Antaŭ ses jaroj la pasaĝeroj de la vaporŝipo „Saxonia" observis grandegan meteoron, kiu falis en la maron kaj postlasis altan fajrokolonon. Rimarkinde estas, ke la oficistoj de la radioservo observis elektrajn ĝenojn 24 horojn antaŭ la apero de l' meteoro. Tuj post malapero de la ŝtono ili nenion plu rimarkis.

Wd.

### Kion en Usono oni elspezas por gazetanoncoj.

Laŭ statistiko ekzistas en Usono 99 grandaj firmoj, el kiuj ĉiu ĉiujare elspezas duonan milionon da dolaroj kaj pli por anoncoj. Unualoke staras Ford kun 3,2 milionoj, dualoke Studebaker kun 2,3 milionoj. La anonca etato de du grandaj tabakfirmoj kune superas 4 milionojn da dolaroj. Entute tiuj ĉi 99 firmoj elspezis por anoncoj en tagjurnaloj pli ol 56 milionojn, por anoncoj en revuoj 46 milionojn. Sed ĉe la laste nomita nombro estas konsiderataj nur la 33 plej gravaj „magazinoj", tiel ke je ĉiu revuo venas sumo de 1,4 milionoj da dolaroj.

### Grava kataluna revuo favora al Esperanto.

„La Nova Revista", el Barcelona, grava katalunlingva revuo pri literaturo kaj arto, aperanta ĉiumonate en amplekso de pli ol 100 paĝoj, de post la lasta junio dediĉas en ĉiu numero tutan paĝon al la raportado pri Esperanta literaturo.

Ni ricevis la numerojn de junio kaj julio, en kiuj, sub la rubriko „Esperanto en Katalunujo", s-ro Jaume Grau Casas prezentas la opiniojn de la Esperanta gazetaro pri „Kataluna Antologio".

Tian favoran akcepton oni ŝuldas al la direktoro de la revuo, s-ro Josep Maria Junoy, eminenta verkisto kaj kritikisto, kiu plie aperigis sur la jurnalo „La Veu de Catalunya" interesan artikolon por Esperanto.

### La unua leono kiel fluggasto.

La fama leono de la Metro-Goldwyn-Meyer Filma Kompanio en Kalifornio (Usono) havis la honoron esti la unua leono en Usono, kiu transflugis la nordamerikan kontinenton de Los Angeles al New York en ĉ. 24 horoj seninterrompe. La aeroplano estas kopio de la fama „Spirito de St. Louis" de Lindbergh kun la diferenco, ke ĝi enhavas specialan kaĝon por la ĝentila „gasto".



# Enigma angulo.

### Liter-enigmo.

a a a a b b b b c c d d d d e e e e e e e e e e e e e e
f f g g g h i i i i i i j j l l l l l l l m m m m m m
n n n n o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o o
o o o o p p p r r r r r r r r r s s t t t t t u u u z.

El ĉisupraj literoj kunmetu 18 vortojn, kies komencaj literoj, legataj de supre malsupren, rezultigos la titolon de konata Esperanto-jurnalo. La vortoj signifas: 1. direkto de la scienco, 2. arbo, 3. floro, 4. metalo, 5. armea formacio ĉe la antikvaj romanoj, 6. monato, 7. antikva greka monero, 8. gorĝmalsano, 9. lando en Afriko, 10. scienco pri popoloj, 11. fiŝo, 12. hundospeco, 13. la kosma spaco, 14. granda religia movado, 15. montaro en Eŭropo, 16. ĉieldirekto, 17. uzata ĉe la manĝo, 18. ŝirmilo.

### Vizitkarta enigmo.

| Teo Stiperas |
|---|
| Kanton |

Kiun profesion havas la sinjoro?

### Solvoj el n-ro 8/9.

1.

1. K, 2. Ar, 3. Pro, 4. Rozo, 5. Ezoko, 6. Oriolo, 7. Lavango, 8. Omnibuso. — Kapreolo.

2.

Grandeco, direktoro, genuo, disputado, soldato, numeraro, kvinoble.

Dec, Rekt, Enu, Sput, Dat, Erar, Nobl — Dresden.

3.

a) Drako — Drakmo; b) Psalmo — Salmo.

### Solvoj el n-ro 10.

1.

**Horizontale:** 1. kaldron, 5. unu, 6. man, 7. an, 8. mev, 10. rit, 12. sum, 13. ale, 15. degener.

**Vertikale:** 1. kamarad, 2. lun, 3. rum, 4. novembr, 7. ari, 9. enu, 11. tag, 12. sen, 14. le.

2.

1. cir, 2. kul, 3. er. — 1-2. cirkul, 2-3. kuler. — 1-3. cirkuler.

3.

Satano (SATano).

Validajn solvojn el n-ro 8/9 alsendis:

Solvis po 3 enigmoj: Charon, Deligny, Dutschmann, Grodl, Hammermeister, Indra, Jeremies, Nischwitz, Papesch, D-ro Reinhardt, Salin, Schöttl, Simmons, Ŝirjaev, Weiske.

Solvis po 2 enigmoj: Arabeno, Argers (II estis nekompleta), Bayhofer, Berger, Bonnevie, Brendgens, Dittrich, Donath, Dratwer, Eisnack, Ellerbeck, Fischer, Gensch, Gödderz, Hasbach, Hoen, Kolodziej, Kösters, Kryt, Matriciani, Meyer, Minke, Rambousek, Stein, Tassy, Wilke.

Solvis po 1: Cipera, Janak.

Tre multaj solvintoj, eĉ multaj el tiuj, kiuj ĝis nun solvis ĉiun alian enigmon, eraris ĉe la „Kapsula enigmo". La titolo de la enigmo jam indikas, ke la serĉotaj vortoj estas enkapsuligitaj, do interne de la donitaj vortoj, ne en ilia komenco!

### La rezulto de la nunjara Enigma konkurso.

La rezulto de la Konkurso montras, ke 9 partoprenintoj solvis ĉiujn enigmojn (15). Ni do decidis, anstataŭ la promesitaj 6 ekzempleroj de la romano „Landoj de l' Fantazio", dediĉi ekzempleron de la nomita romano al **ĉiu** solvinto. (La romano aperos fine de novembro.) Jen la nomoj de la premiitoj: Charon, Grodl, Hammermeister, Indra, Jeremies, Nischwitz, Salin, Ŝirjaev kaj Weiske. — Krom tio, ni decidis premii 12 aliajn partoprenintojn, kiuj solvis po 14 enigmoj, per la unua serio de „Ilustrita Biblioteko" post ĝia apero. Jen iliaj nomoj: Arabeno, Berger, Dittrich, s-ino Donath, Dutschmann, Ellerbeck, Fischer, Kösters, Katarino Rambousek, Maria Schöttl, Simmons kaj Wilke.

**Respondo al M. Sch. en R.** En viaj solvoj tute mankis la III-a enigmosolvo (Lamo-piro, Lampiro).

# Anoncetoj.

(Klarigoj: L = leteroj, PK = poŝtkartoj, PI = poŝtkartoj ilustritaj, PM = poŝtmarkoj, MB = monbiletoj, kĉl. = kun ĉiuj landoj, pĉt. = pri ĉiuj temoj, bfl. = [Poŝtmarko] bildflanke.)

**Filatelistoj!** Kiu sendas al mi 50—100 aŭ pli PM samlandajn, al tiu mi sendos saman kvanton da uzitaj aŭ neuzitaj germanaj poŝtmarkoj antaŭ-, dum- kaj postmilitaj. Prof. A. Sauerborn, Köln-Klettenberg, Siebengebirgsallee 32, Germanujo.

Juna fraŭlo deziras korespondi kun gesamideanoj el la tuta mondo per PK kaj PI (bfl) pĉt. Certe respondos. Skribu al Antoni Puczla, Katowice, Warszawska 4, Polujo.

Mi deziras korespondi kun la tuta mondo pĉt., plej volonte kun fraŭlinoj, per PK kaj PI (bfl.) Zygmunt Hirszberg, Katowice, Wodna 4, Polujo. Certe respondos.

Juna esperantisto deziras korespondi kun la tuta mondo per PK kaj PI (bfl) pĉt. Respondo garantiata, Stanislaw Olesik, Katowice, Warszawska 66, Polujo.

20-jara junulo Wilhelm Baltes, Düsseldorf, Aachenerstr. 115, Germanujo, deziras korespondi per PI kaj L kĉl.

Interŝanĝo de PM kun la tuta mondo per rekomenditaj leteroj (en sendaĵoj minimume 250 PM) serĉata. Ni sendas unue. Al sendaĵoj el Anglujo, Aŭstrio, Ĉeĥoslovakio, Germanujo, Francujo kaj Hungarujo oni enmetu pli bonajn. A. M. Ĉernjachovskij, Sliven, Kiril-Methody 39, Bulgarujo. (62

S-ro Heinrich Michalek, Reichenberg, Lerchenfeldstr. 20, Ĉeĥoslovakio, korespondas pri pacifismo, homarprogreso kaj radio; kolektas kaj interŝanĝas ĉiajn esperantaĵojn. (64